


APRILO 1958

JARO 10a

Nro 4

Sekretariejo: Orteliusstraat 108''', Amsterdam - Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam, Nederlando

## AŬSTRIA ESPERANTO-PIONIRO 80-JARA

La pro sia laboro por Esperanto famkonata s-ro Kortega Konsilanto Hugo Steiner festis la 26-an de februaro sian 80-jaran naskiĝdatrevenon. Ne estas merito, nek mirige fariĝi tiom aĝa, do ni ne mencius tion en nia Bulteno, se ne temus pri persono, kiu sin distingis alimaniere.

Jam kiel juna viro s-ro Steiner konatiĝis pri Esperanto pere de 10-groŝa Esperanto-ŝlosilo. Li frekventis kurson ĉe Julius Gluck, kaj en 1912 li partoprenis sian unuan Universalan Kongreson de Esperanto en Krakóv.

Tie li konatiĝis kun nia majstro D-ro Zamenhof. La kongreso tiom impresis al li, ke li ĵuris al si, se eble, tute dediĉi sin al Esperanto.

Pro diversaj cirkonstancoj li povis plenumi tiun ĵuron nur en 1924. Li memvole eksiĝis el la fervoja entrepreno, kiun li servis dum 26 jaroj. Nun komenciĝis por li'la vera vivo. Li fondis la gazeton „Aŭstria Esperantisto", fariĝis ĝeneral-sekretario de la „Aŭstria Esperanto-Delegitaro" kaj en 1926 ties prezidanto.

Multajn kongresojn li partoprenis, inter kiuj la „Konferenco de Locarno" kiel aŭstria reprezentanto.

En 1937 li komencis labori al sia plej grava kaj ŝatata tasko: la fondo de Internacia Esperanto-Muzeo.

Ne estis facila tasko, ĉar li bezonis la konsenton kaj protekton de oficialiaj instancoj. Obstine kiel li estas, li tamen venkis ĉiujn obstaklojn. La rezultaton oni povas vidi en Vieno, kie ampleksa muzeo altiras jam dum jaroj la atenton de esperantistoj el la tuta mondo.

Samideano Hugo Steiner estas ankaŭ en la IFEF-kongresoj bone konata figuro. Kiel fervojan emeritulon niaj kongresoj tre allogas lin, ĉar tiuj donas al li la okazon esti ne nur inter samideanoj, sed ankaŭ inter kolegoj.

La IFEF-estraro tutkore gratulas s-ron Hugo Steiner pro lia festo kaj lia alta merito por la Esperanto-movado.

Ĝi deziras al li ankoraŭ multajn jarojn en plena saneco, kaj esperas ke ĝi povas bonvenigi lin ankaŭ en la venontaj kongresoj.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1957a

Ĵus transirinte la sojlon de nova jaro mi denove havas la agrablan sed malfacilan taskon prezenti al niaj membraro kaj legantaro raporton pri la jaro pasinta. La nova jaro estas tamen por nia I.F.E.F. tiom grava, ke ni menciu la tri gravajn faktojn okazontajn en 1958a.

1e. La Oran jubileon de nia Internacia Movado de Fervojaj Esperantistoj, fondia en 1908a.

2e. La dekjaran ekzistadon de nia postmilita organizaĵo I.F.E.F., kiu fondiĝis la 4an de aŭgusto 1948a.

3e. La dekan I.F.E.F.-kongreson en Aarhus, kie ankaŭ okazis nia unua kongreso en la jaro 1949a.

Sub la influo de tiuj ĉi por ni ĝojigaj okazontaĵoj mi do klopodu doni klaran superrigardon pri la vivo de I.F.E.F. en la dekjara periodo, malgraŭ la amplekso de nia organo devigas al mi estis konciza. Priskribo rilate al la laboroj kaj ĝiaj sukcesoj de nia Internacia Movado dum la duona jarcento, kion ajn konciza, ja postulas tro grandan spacon en nia organo kaj pro tio ni nur okupu nin pri nia postmilita organizo IFEF. Espereble ni, post ne tro longa tempo, povos eldoni libreton pri la historio de nia Fakmovado, kies manuskripto atendas la lastan paŝon, nome, la tiurilatan decidon.
Okaze de la Ora Jubileo ni tamen esprimu nian tre sinceran dankon al niaj pioniroj kaj antaŭuloj pro la grava laboro en 1908 komencita.

Antaŭ ol komenci mian raporton mi volas rekomendi al eventualaj interesuloj pri la historio de IFEF, mendi la jubilean numeron de nia Bulteno, eldonita okaze de la kvinjara ekzistado. Kelkdekoj da ekzempleroj estas ankoraŭ haveblaj, mendu ĝin, la prezo estas du internaciaj respondkuponoj.

Ke post la mallumaj militjaroj 1940—1945 nia movado tiom baldaŭ refondiĝis, ni dankas al la feliĉa koincido de kelkaj cirkonstancoj. La antaŭmilita organizaĵo ja ne oficiale likvidiĝis sed nur renkontis post la milito novajn ideojn pri la organiza formo laŭ la spertoj en la antaŭmilitaj jaroj.
La amikeco kun niaj tiamaj gekolegoj montriĝis, eĉ de militoj, nerompeblaj dank' al la multaj eksterlandaj vojaĝoj al Svisio, Svedio, Ĉeĥoslovakio, Norvegio kaj Aŭstrio. Krom tio la vizito kaj la persona kontakto kun la franca karavano en Amsterdamo akcelis grave la realigon de niaj intencoj revivigi la Internacian Movadon de Fervojaj Esperantistoj.
Kiam la 4an de aŭgusto 1948a IFEF estis fondata ni, malgraŭ la entuziasmo, ne supozis la favoran disvolviĝon de la ĵus naskito. La postmilitaj cirkonstancoj kaŭzis al ni problemojn diversspecajn sed ni ne emis atendi pli longe sed sopiregis direkti nian ŝipeton sur la marojn de la mondo rekte al la celo.
La mondo kun ĝiaj multaj politikaj kaj ekonomiaj surprizoj ne ĉiam ebligas direkti ŝipeton laŭ fiksita programo rekte al la haveno de destino.
Nevideblaj, kvazaŭ submaraj rokoj, daŭre minacas kaj devigas elekti pli longan vojon laŭ atenteme ekzamenata kompaso por eviti la danĝerojn.
Same kiel altaj ondoj kaj ŝtormoj sur muĝanta maro influas la laboron de la ŝipanaroj sur la ŝipoj kaj malfaciligas la direktadon de ili, sama efiko trafas societojn kaj organizaĵojn en malkvieta mondo pro politikaj kaj ekonomiaj streĉiĝoj. En ambaŭ kazoj la luktado

direktas sin al konservado de tio en malfacilaj momentoj, por kio oni donis sian multjaran laboron.
Konscie mi akcentas la malfacilan periodon, kiun nia IFEF nun trapasis ĉar el nenio ni komune konstruadis organizon, kiu rikoltis en vasta rondo estimon kaj respekton pro ĝia daŭra aktiveco.
Ni ne proprigu al ni facilaniman juĝon pririgardante kaj komparante la ciferojn el la statistikoj, ĉar sen zorgoj la vivo de IFEF ne estis kaj ne estas ankoraŭ nun, malgraŭ la **konstanta** kaj **seninterrompa** kreskado de la membronombro en la pasintaj dek jaroj.
**La membronombro** en la unuaj kvin jaroj ja estis jena:

| 1948 | 1949 | 1950 | 1951 | 1952 | 1953 |
|---|---|---|---|---|---|
| 250 | 459 | 557 | 717 | 1022 | 1168 |

, la jaro de nia kvinjara jubileo.

La kreskado daŭris ankaŭ en la sekvantaj kvin jaroj jene:

| 1954 | 1955 | 1956 | 1957 | 1958 |
|---|---|---|---|---|
| 1329 | 1664 | 1704 | 1771 | 1942 |

, la jaro de nia dekjara jubileo.

**La nombroj da landaj sekcioj** estis en:

| 1948 | 1953 | 1958 |
|---|---|---|
| 3 | 13 | 16 |

**La nombroj la aliĝintaj landoj:**

| 1948 | 1949 | 1950 | 1951 | 1952 | 1953 | 1954 | 1955 | 1956 | 1957 | 1958 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 4 | 11 | 12 | 14 | 16 | 18 | 22 | 23 | 24 | 26 | 28 |

Simile al la taktado de horloĝo kreskis konstante la nombroj da membroj kaj aliĝintaj landoj ĝis la nuna nivelo, kio ŝajnas al ni pli kaj pli normala. La plej aktivaj kaj bone informitaj adeptoj scias la malfacilaĵojn venkitajn por realigi la planon ĉe la fondiĝo. Tamen tiurilate ni pli ol centprocente sukcesis.
**La administrado:** Al la administrado ankaŭ apartenas la membroregistrado, kio estas tempraba okupo. Tio ne montriĝas el ĉisupraj nombroj se oni supraĵe observas ilin. Aliĝis ja en 1957 laŭ la ciferoj 171 novaj membroj kaj pro tio oni povus konkludi, ke la sekretario skribis 171 novajn membrokartojn por la kartoteko, skribis la 171 nomojn, aliĝdatojn, loĝlokon, ktp en la landaj membrolistoj kaj 171 nomojn ktp en la komuna membrolisto laŭ nia sistemo. Tia ne estas la afero, esence aliĝis ± 300 novaj membroj sed bedaŭrinde 129 gekolegoj eksiĝis. Por ĉiu novaliĝinto kaj eksiĝinto mi devas fari 3 manipulojn por konservi tiun parton de la administrado en akurata stato.
Poste mi devas doni ĉiun ŝanĝon en la membrolistoj al la kasisto kaj informi la presiston pri la nova nombro da Bultenoj sendota al la koncerna landa sekcio. Al tiu laboro aldonu la neeviteblajn adresŝanĝojn kaj oni havas ioman komprenon pri tiu parto de la laboro en nia administraciejo.
En mia unua jarraporto mi menciis la ricevon de 88 korespondaĵojn kaj presaĵojn, tiu nombro kreskis en 1953 al 316. Tiu nombro duobliĝis en la jaro 1957 pro la favora disvolviĝo en nia faka movado.

Alvenis do 600 korespondaĵoj kaj presaĵoj en nia administraciejo en 1957, pro kiu plimultiĝo da laboroj mi devis transdoni parton al mia helpanto, nia kolego Drijfhout. Li meritas nian sinceran dankon pro sia laboremo por nia komuna afero. Nur el organiza vidpunkto kaj pro teknikaj kaŭzoj ne estis eble transdoni plurajn taskojn al li, tamen sen lia celtrafa helpo ne plu estus eble fari la administraciajn laborojn en la liberaj horoj.
Malgraŭ baraktante ĉiam en tempmanko ni tamen sukcesis respondi al ĉiu sendinto, almenaŭ se la koncernaj korespondaĵoj rilatis la interesojn de nia organizo, entute mi forsendis en 1957 do 165 leterojn kaj poŝtkartojn, kaj 37 presaĵojn.

**La financa stato kaj nia Bulteno:** kvankam aperos apartaj raportoj pri ambaŭ fakoj en nia organizo, ne estos superflue atentigi pri la neceso atente pristudi la raportojn. Ili celas doni al la membraro plej klaran bildon pri la ĝojiga progresado kaj sukcesoj atingitaj sed samtempe pri la internaj zorgoj kaj malfacilaĵoj. Pri ĉi tiuj lastaj oni ne volonte okupas sin, precipe, se montriĝas el la jarraportoj, de jaro al jaro, la konstanta antaŭenirado al la celo en por ni favora senco.
La membronombro ĉiujare pligrandiĝis ekde 1948 ĝis 1958, Bulteno aperis eĉ presita kaj de tempo al tempo pliampleksiĝis de kvar- al 16paĝa organo. Sekve de tiu favora disvolviĝo en IFEF la korespondado de la sekretario ankaŭ disvastiĝis kaj multaj organizaĵoj deziras regule interŝanĝadi la organojn kun nia. Tio estas la bela flanko de medalo sed ni ankaŭ turnu ĝin por pririgardi la alian flankon. La gvidado de organizo entenas la respondecon pri bona funkciado de la organiza aparato kaj prepari la vojon por la estonto. En tiu tasko la financa stato ludas gravan rolon, entuziasmo kaj laboremo ne sufiĉas se mankas la monaj rimedoj por plenumi la taskon.
La pasintjara financa raporto jam montris la malagrablan konstaton, ke la kostoj por la presado de Bulteno enkluzive la afrankkostoj por la forsendado ensorbis pli ol la enspezoj el la kotizoj. Tamen dank' al donacoj ni povis eviti deficiton. En 1957 nia kaso ne ĝuis profiton de la kongreso en Rijeka kaj malhavis la profiton de la kutima tombolo, ĉiĉio kondukis nin al la „Emocia Nokta Kunveno" (legu la artikolon en la okt.-dec. numero de Bulteno).
Sendube oni starigos la demandon: „ĉu la redaktoro vivas tro lukse sur sia posteno en la estraro," sed tion ni nepre neu.
La plendoj pri la multaj eraroj en la tekstoj decidigis nin presigi nian Bultenon, kio alportas multajn avantaĝojn. Krom tio montriĝis post nia reveno el Rijeka, ke nia kasisto suferis dum nia kongreso pro koratako, feliĉe en negrava grado. La presisto nun ekspedadas la paketojn da Bultenoj rekte al la landaj sekcioj, kion antaŭe faris nia kasisto. Krom tio la poŝttarifoj por presaĵoj duobliĝis.
Dum la fondiĝa kunveno en 1948 oni fiksis la jarkotizon je 3 internaciaj respondkuponoj, ekvivalenta al 3 poŝtmarkoj por eksterlanda letero. Nur la landaj estraroj kaj izolaj membroj ricevis stencilitan cirkuleron.
Neplialtigante la kotizon la IFEF-estraro decidis en septembro 1950 post rekomendo de nia nova redaktoro, K. G. J. de Jong, eldoni modestan gazeton por ĉiu IFEF-ano alternmonate kaj kvarpaĝa. En marto 1952 la Bulteno estis sespaĝa pro aparta aldono de la jarraporto de la sekretario, en septembro 1952 ĝi estis okpaĝa same kiel en januaro 1953. Ankaŭ en marto 1953 la Bulteno estis okpaĝa sed okaze de nia kvinjara jubileo IFEF eldonis jubilean numeron dudek kvarpaĝa kun verda kovrilo.

Tio pli malpli enkondukis sopiron al pli ampleksa organo kaj la du sekvontaj numeroj estis dekdupaĝaj sed la nombro da paĝoj denove reduktiĝis al kvar en novembro 1953. Ankoraŭ unufoje aperis okpaĝa Bulteno poste ĝi restis konstante dekdupaĝa ĝis junio 1957, kiam la Bulteno estis deksespaĝa same kiel en aŭgusto. La estrarpropono en Zürich (1955) fiksi la kotizon je unu nederlanda guldeno kaj dudek kvin cendoj jare ne alportis la necesan aprobon sed post kompromiso oni fiksis ĝin je unu nederlanda guldeno jare.
Post la plialtiĝo de la poŝttarifoj en 1957 ni atingis la saman nivelon ol en 1948 ĉar la ekvivalento de 3 internaciaj respondkuponoj estas 1 guldeno. Kiam oni nun komparas la salajrojn kaj prezojn en 1948 kun la nuntempaj, tiam oni devas veni al la konkludo, ke la estrarpropono en Zürich ne estis troigita sed estis bazita sur eventualaj malfacilaĵoj en la estonto.

La ĉiujara eldonkvanto de nia Bulteno estis en 1948 (160 ekzempleroj) en 1952 jam (7200 ekzempleroj) kaj tre verŝajne en 1958 (13.000).
Mi do rekomendas al niaj legantoj ankaŭ atente pristudi la jarraportojn de la kasisto kaj redaktoro, kiuj certe estos pli detalaj. Antaŭ ol fini ĉi tiun parton de mia raporto mi esprimas la ardan esperon pri tre baldaŭa resaniĝo de nia aktiva redaktoro. Nia amiko K. G. J. de Jong grave malsaniĝis kaj kuŝas momente en malsanulejo. Niaj pensoj iras al nia laborema kunestrarano, kiu tiom kruele devis interrompi sian amatan laboron en nia organizo.
Laŭ ĵus ricevita telefona informo la kuracistoj ne jam fiksis la diagnozon ĉar la unuaj fotoj malsukcesis. Verŝajne operacio estos necesa.
Kees akceptu niajn plej korajn salutojn kaj niajn bondezirojn je baldaŭa resaniĝo.
**La estraro:** Estas sendube unika okazintaĵo, ke post dek jaroj estraro ankoraŭ konsistas el la samaj personoj. Povas esti nur unu kaŭzo, t.e. la bona harmonio kaj la forta amikeco, kiuj interligas ilin. Senescepte ĉiuj estis dum pli malpli longa tempo ankaŭ estraranoj de la loka grupo fervojista en Amsterdamo kaj krom la prezidanto kaj kasisto, la ceteraj ankoraŭ okupas lokon en tiu estraro. En la Amsterdama grupo UNFEG ĉiam regis bona kompreno pri la celoj en nia movado esperantista kaj post la fondiĝo en 1932 ĝi tuj aliĝis kiel sekcio faka (la unua) al la Esperanto-movado.
Esperanto ne estas loka nek nacia sed internacia afero kaj tiu kompreno decidigis multajn UNFEG-anojn aliĝi al la tiama Internacia Transportlaborista Federacio Esperantista (IFETT). Ne estas mirinde, ke el tiu rondo venis post la milito la ideo restarigi nian Internacian Fak-movadon.
En malvasta sed intima rondo oni pli bone konas la personajn ecojn kaj kapablojn pro multjaraj spertoj kaj ŝajnis al ni ne tro malfacile formi provizoran estraron el kolegoj, kiuj jam pruvis en la antaŭaj jaroj ian econ kaj la emon por funkcio en Internacia estraro. La jena estraro akceptis la taskon post la fondiĝo de IFEF:

**Prezidanto:** W. Stapel. **Sekretario:** J. Lok. **Kasisto:** W. Biesheuvel. **Redaktoro:** D. Muller. **Asesoroj:** H. Hoen, A. Wissink kaj E. Drijfhout.

Pro malsano la redaktoro ne povis partopreni nian unuan kongreson en Aarhus, devis rezigni la postenon en nia estraro pro tio kaj mortis en aprilo 1951.
Unu monaton poste mortis en la hotelĉambro dum nia tria kongreso en Parizo nia asesoro A. Wissink. Al ambaŭ mortintaj kolegoj ni ŝuldas multan dankon, du simplaj fervojistoj,

kiuj kvazaŭ sukcesis atingi la gradon de profesia instruisto kaj gvidadis multajn elementajn kaj daŭrigajn kursojn inter la fervojistoj.
En nia dua kongreso (1950) oni elektis nian kolegon K. G. J. de Jong kiel redaktoron kaj la loko en nia estraro post la morto de nia kolego A. Wissink restis vakanta.
Ne estas necese mencii la meritojn de ĉiu estrarano aparte ĉar estraron oni konsideru kiel kompletan tuton, kies mankoj kaj malfacilaĵoj kaŝiĝas pro la sfero, kiu regas en ĝi. Vera amikeco postulas tion kaj per tio mi fakte denuncas la sekreton pri la fruktedona kunlaborado en nia estraro dum la dekjara periodo. Kompreneble estis ankaŭ en nia estraro opinidiferencoj kaj mankoj kaj estis necese aŭdigi riproĉojn pri io sed ĉiam montriĝis la reciproka emo sufiĉe forta purigi la sferon. Per tio ni esperas esti donintaj al nia membraro lumigan ekzemplon, ke amikeco kaj kamaradeca kunligeco kapablas venki ĉian malfacilaĵon. Eta konflikto ofte efikas kiel infekta malsano, kie ajn la konflikto okazas. Tia konflikteto en malgranda loka grupo eĉ malbone influas la vivon de landa organizo aŭ sekcio, kiu siavice domaĝas la Internacian movadon kaj la movadon ĝenerale.

**La rerigardo:** Momenton ni permesu al ni, sidante en komforta apogseĝo, sterni la krurojn por pense travivi denove ĉion, kio okazis en la pasintaj jaroj. Niaj jam aperintaj Bultenoj kaj la jarraportoj en ili, estu niaj gvidantoj. Prenu kaj tralegu ankoraŭfoje la kongreslibrojn kaj klopodu prezenti al vi impreson pri la situacio de IFEF en 1948, 1953 kaj nun en 1958.
La juĝo post serioza tralegado nur povas esti unuanima, „brila sukceso" malgraŭ la politikaj kaj ekonomiaj malfacilaĵoj en la pasintaj jaroj, kiuj jam kondukis multajn organizaĵojn al la rando de la abismo aŭ detruis ilin.
Mi ne klopodis en mia raporto kaŝi malagrablajn konstatojn ĉar en Aarhus ni trovu novajn direktivojn por la nova kaj estonta periodo. Tamen la nuna jarraporto nerefuteble montras progresojn en ĉio, escepte la financa stato.
Malgraŭ ke la estraro estis devigita kombini en la fino de la jaro du numerojn de Bulteno, ĝi tamen liveris al la membroj la laŭregulare ses numerojn de nia organo, kaj evitis provizore minacantan deficiton en la kaso.
Pro tio la IFEF-estraro ne povis riski tro multe ĉar estas la financa stato, kiu finfine difinas la gradon da aktiveco en estraro.
Restas ankoraŭ al mi atentigi la membraron pri sukcesoj en nia organizo sur aliaj terenoj. La laboroj en la Fak-terminara komitato iom post iom funkciadas pli glate ĉar el la informoj montriĝas, ke en diversaj landoj oni pli serioze daŭrigas la gravan laboron.
Sendube la fakprelegoj bezonos kelkajn reviziojn sed en Svislando niaj kolegoj rikoltis okulfrapan sukceson per la eldonado de la fakprelego: „La fakedukado al la kandidatoj por la funkcio de naŝinisto sur vapor-, elektraj aŭ Dizelelektraj lokomotivoj aŭ vagonaroj". Tiu fakprelego estas tradukita en la germanan lingvon kaj la eldonkvanto de 200 ekzempleroj baldaŭ elĉerpiĝis, pro kio niaj kolegoj planas duan eldonon. Jen iniciato rekomendinda!
Ĉu estas necese atentigi vin ĉiujn pri niaj brilaj kongresoj en Aarhus, Salzburgo, Parizo, Lindaŭ, Utreĥto, Verona, Zürich, Stockholmo kaj Rijeka?
Jes, mi scias, la kongreso en Rijeka estas ankoraŭ freŝdata kaj ni travivis ĝin kiel fabelon. La kongreso en Rijeka ŝajnas al ni perfekta kaj ne plu pliperfektigebla. Kion tamen diri pri nia unua kongreso en Aarhus, kiam niaj kuraĝaj danaj geamikoj organizis la unuan kongreson en treege malfacilaj cirkonstancoj? Mi estas certa paroli en la nomo de la tuta

membraro, kiam mi dankas en unu spiro ĉiujn geamikojn en la LKK-oj de la pasintaj kongresoj pro la giganta kontribuo en la vivo de nia amata IFEF.

**La perspektivoj:** Ni staras nun sur la sojlo de nova periodo kaj tre gravaj decidoj ne plu estas eviteblaj. Decidoj, pri kiuj mi jam avertis vin ĉiujn en la antaŭaj jarraportoj ekde la jaro 1955a. Estas krimo al nia organizaĵo kaj movado se oni nur pensas pri periodo, en kiu oni mem okupas gvidan postenon en ĝi, kaj postlasas al la posteuloj ĥaoson kaj zorgojn. Pro tio ni bedaŭru la fakton, ke nur la financa stato ne estas konforma al la ceteraj progresoj en nia organizo. La estraro nun konsistas precize el tri aktivaj fervojistoj kaj tri emerituloj kaj en la kuranta jaro la plimulto estos emerituloj. El organiza vidpunkto estas do necese elekti novan estraron aŭ ŝanĝi ĝin laŭ bonelektita plano. Tio lasta estas nun ankoraŭ ebla, plano konforma al iama sugesto de nia kolego Bürger el Linz en unu el niaj kongresoj, ke la plej aĝaj estraranoj ne eksiĝu samtempe. La laboron en nia organizo, se oni serioze kaj akurate deziras plenumi ĝin, oni ne povas kompari kun tiu de diplomatoj, kiuj ofte restas sur la posteno ĝis tre alta aĝo.
Ni ne estas diplomatoj sed fervojistoj, kiuj havas sian laboron en la fervaja servo kaj nur en la liberaj horoj pro idealismo donas siajn fortojn al nia komuna afero. Ni ne disponas pri aŭtomobiloj, telefon- kaj telegrafaparatoj, pri aviadiloj kaj... armeo da oficistoj, ĉiom da laboro ni devas fari mem ekster nia ĉiutaga laboro por la vivtenado de la familioj.
La ŝanĝo en nia estraro ne estu rompo en la amikeco sed neevitebla neceso. En Aarhus oni do mem decidu pri la tiurilata propono de la IFEF-estraro.
La novformota estraro ne atendas facilan taskon, male, ĝia tasko estos multe pli malfacila post la sukcesplena periodo 1948—1958. Grava stimulo estos tamen la plena fido de nia membraro en ĝia estonta laboro.
Spontane du el la eksiĝontaj estraranoj deklaris sin pretaj helpi la novan estraron en la laboroj, kiun amikan geston ni certe ne malakceptos.
La tagordoj de niaj kunsidoj en Aarhus prezentos al ni diversajn pridiskutindajn punktojn, laŭ kiuj ni preparu la fundamenton por nova periodo kaj en kiu IFEF povos disvolviĝi en supreniranta direkto.
La perspektivoj por IFEF estas multpromesaj se ĉiu membro bone konsciu sian lokon en niaj vicoj, ĉiu havu taskon kaj tiu de propagandisto por nia komuna afero ne estas le plej tempraba. La landaj kaj lokaj estraroj en la plej perfekta kunlaboro kune kun la kurs-gvidantoj ekspluatadu tiujn fontojn, kiuj finfine liveras al nia Internacia Federacio la energion ekspluatigi novajn fontojn pere de niaj izolaj membroj dise loĝantaj en la mondo.
La interesiĝo pri nia movado de fervojaj instancoj estas kreskanta kaj en la S-roj Marcel Mollion, prezidanto de FISAIC, Rummel, gvidanto de la Sociala Organizo en Germanio, Schuchmann, reprezentanto de la Germanaj Fervojoj en Parizo kaj D-ro Kort. Konsilanto Schantl, ĝeneraldirektoro de la Aŭstriaj Fervojoj, ni jam trovis ardajn pledantojn por nia komuna strebado, en la medio de la Fervojaj instancoj.
Admirindajn sukcesojn rikoltis niaj gekolegoj en Polujo, Hungario, Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj ankaŭ en la naturbeleca lando Jugoslavio.
Escepte Jugoslavio, ili tamen ne povas jam labori en nia kadro pro la regantaj cirkonstancoj en la mondo. La financa kontribuo al nia laboro, pro la neeblo transigi la kotizon ekster-landen, kreas al ni problemojn, pro kio la oficialaj aliĝoj ne jam realiĝis. Mi tamen esperas, ke niaj gekolegoj en la koncernaj landoj komprenas nian malfacilan taskon post la tralegado

de niaj raportoj. Ni ĉiam estos pretaj helpi por trovi taŭgan solvon en tio.
En 1957 aliĝis al IFEF du novaj landoj, Nov-Zelando kaj Brazilio, ambaŭ estu altbonvenaj en nia internacia rondo.
La jarraporto kaj la ĝenerala superrigardo ne enhavas simptomojn pri la pesimismo, kontraŭe, kun fido ni povas rigardi al la estonto.
La nombro da eksiĝintoj tamen devigas nin pligrandigi la aktivecon por ke niaj membroj restu fidelaj al nia alta idealo.
Multnombre ni venu al nia jubilea kongreso en Aarhus kun la fera volo prepari la firman fundamenton por sukcesplena estonta periodo.
Do, al vi ĉiuj... ĝis la revido en Aarhus!

La sekretario de I.F.E.F.

## FINANCA RAPORTO DE LA KASISTO

Honore mi prezentas al la anaro de la Internacia Fervojista Esperantista Federacio la financa „raporto" pri la jaro 1957.
Mi esperas ke ĉiuj anoj atente legos la ciferojn.
Ĉiam mi faris mian eblon por havigi al nia Federacio profitan saldon.
Naŭfoje mi sukcesis en ĝi, sed nun je la deka fojo mi malsukcesas. El la budĝeto por la jaro 1958 montriĝis ke la plialtiĝo de la kotizo necesas.
La Bulteno ĉijare multe beliĝis en presmaniero sekve de tio la elspezoj fariĝis pli multaj.
La kostoj de la poŝto pli altiĝis, do ankaŭ pri tio ni estis avaraj.
Ĉiuj jaroj mi skribis: la anoj povas esti kontentaj, sed malgraŭ la budĝetota malprofito mi esperas ke la anoj estas kontentaj.

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| En la kaso 1-1-1957 | 1112.94 | Preskostoj Bulteno | 1959.90 |
| Kotizoj | 2077.03 | Poŝtmarkoj Bulteno | 192.41 |
| Abonoj Bulteno | 122.75 | Poŝtmarkoj Estraro | 61.51 |
| Donacoj Bulteno | 165.12 | Kostoj Estraro | 60.45 |
| Glumarkoj | 3.30 | Diversaĵoj | 31.75 |
| | | Kasmono | 1112.94 |
| | | Profita saldo 31-12-'57 | 62.18 |
| Entute | 3481.14 | Entute | 3481.14 |

**Bilanco pri la jaro 1957**

| | |
|---|---|
| Kasenhavo 1-1-'57 | 1112.94 |
| Pagendo kotizo | 143.— |
| Skribmaŝinoj | 1.— |
| Aliaj havaĵoj | 1.— |
| Glumarkoj | 70.32 |
| Profita saldo 31-12-'57 | 62.18 |
| Entute | 1390.44 |

**Budĝeto pri la jaro 1958**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo 1-1-'58 | 1175.12 | Preskostoj Bulteno | 2000.— |
| Kotizo | 1950.— | Poŝtmarkoj Bulteno | 200.— |
| Donacoj Bulteno | 150.— | Estrarkunvenoj | 15.— |
| Vendotaj glumarkoj | 10.— | Administraciaj kostoj | 100.— |
| Abonoj Bulteno | 150.— | Subvencioj U.E.A. | 10.— |
| Pagenda kotizo | 143.— | Subvencioj S.A.T. | 10.— |
| | | Diversaĵoj | 150.— |
| | | Ne antaŭ vidota | 50.— |
| | | Kasmono | 1175.12 |
| | | Entute | 3710.12 |
| | | Malprofito | 132.— |
| Entute | 3578.12 | Entute | 3578.12 |

La kasisto de I.F.EF.
W. BIESHEUVEL

Subskribo de la kaskontrolantoj.
Kontrolita kaj aprobita
Amsterdamo 20-2-'58

W. L. VAN LEEUWEN
C. H. VAN DER BERG
J. J. LABORDUS

**Pro sia restado en la malsanulejo, la redaktoro ankoraŭ ne povis pretigi sian jarraporton. Se eble ni havigos ĝin stencilita al la delegitoj.**

## LA ESPERANTISTA KULTURDOMO GRÉSILLON

Antaŭ ses jaroj la francaj esperantistoj aĉetis en la bela regiono de „Loire Kasteloj" la bienon Grésillon.

Tie, meze de la bela parko kun lageto, banejo kaj boskoj por trankvile promeni, la esperantistoj el la tuta mondo sentas sin hejme.

Kiel ĉiujare, ankaŭ en 1958 okazas tie internaciaj renkontiĝoj. La intereso por la diversaj aranĝoj estas tiom granda, ke la kompilo de programo estas necesa.

Dum la Paska libertempo de la 30-a de marto ĝis la 13-a de aprilo oni instruas pri bindarto, korbfarado, ludoj kaj dancoj. Ankaŭ okazas Esperantokurso. De la 15-a de junio ĝis la 20-a de septembro okazos diversaj aranĝoj, inter kiuj instruo de la franca lingvo pere de Esperanto.

Konataj esperantistoj, kiaj Paul Neergaard, A. Albault, R. Watier kaj P. Babin instruos kaj oratoros.

Ankaŭ al tiuj, kiuj deziras ĝui nur trankvilan ferion en bela regiono, Kastelo Grésillon donas ĉion, kion oni deziras.

Petu pliajn informojn kaj detalan programon al: Esperantista Kulturdomo, Kastelo „Grésillon", Baugé (Maine et Loire), Francujo. Tel. Gaugé 34.

(La direkcio estos danka se vi bonvolas aldoni respondkuponon.)

## PRINTEMPA ESPERANTISTA RESTADO EN PERLORA

Perlora estas alloga trankvila loko ĉe la marbordo de la hispana provinco Asturias en la Kanlabra Maro.
En tiu belega loko hispana Sindikata Asocio konstruas nuntempe laboristan urbeton konsistantan el 150 kampdometoj, el kiuj 100 jam estas pretaj. En tiu urbeto laboristoj kaj iliaj familianoj trovas trankvilan kaj malmultekostan somerrestadon.
Granda moderna loĝejo simila al bona hotelo stariĝis apud bela strandeto. Tiun ĉi loĝejon metas la nacia sindikata asocio je la dispono de Esperantista Klubo „Nordo" por dekkvintaga restado de enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj de la 1-a ĝis la 14-a de junio. La prezo de la tuta restado estas 525 pesetoj po persono, kio estas nur parto de la vera kosto, tial ke hispanaj sindikatoj prenas sur sin la alian gravan parton de la elspezoj. La manĝoj ne estas elekteblaj por la gastoj, sed oni garantias variajn menuojn preparitajn de sperta kuiristo.
Ĉiu, kiu deziras ĉeesti tiun ĉi renkontiĝon devas tion komuniki al Esperantista Klubo „Nordo" de Educacion y Descanso, Str. San Juan, OVIEDO, Hispanujo, kaj sendi la koston de la tuta restado al tiu klubo antaŭ la 1-a de majo.

## LA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



De la 2—9 aŭgusto 1958 la 43a kongreso de U.E.A. okazos en Mainz, Germanujo. La inaŭguro estos en la Sporta Palaco de la Universitato, la plej granda kaj moderna konstruaĵo de Mainz.
Por festi la oran jubileon de U.E.A. okazos dum la kongreso komuna bankedo. Ankaŭ oni aranĝas Universalan ekspozicion.
Ĝis fino de januaro anoncis sin por partopreni la kongreson 976 samideanoj el 29 landoj (pasintjare 645 el 27 landoj).

## PRI LA RAPIDECO DE PASAĜERTRAJNOJ EN LA GERMANA DEMOKRATA RESPUBLIKO

### Pri la rapideco de pasaĝertrajnoj en la Germana Demokrata Respubliko

La rapideco de la pasaĝertrajnoj en la sovpeta okupaciita tereno de Germanujo konsiderinde malaltiĝis kompare al la tempo antaŭ la milito. Ĉefaj kaŭzoj estas ke la stato de la reloj estas malbona, ke la plej multaj linioj nun nur havas solan relparon, ke la lokomotivoj tro malnoviĝis kaj ke brunkarbo estas uzata.
Antaŭe oni ekzemple bezonis de Berlino al Heringsdorf (Balta Maro) t.e. la feria linio de la Berlinanoj, 3 horojn kaj 25 minutojn.
Nuntempe estas necesaj 5½ horojn (rapidtrajno) aŭ 8½ horojn (ordinara trajno). Antaŭ 20 jaroj per eksprestrajno oni atingis Munkenon (München) de Berlino post 9 horoj, aŭ en rapidtrajno post 10½ horoj.
Krome oni povis elekti inter 11 trajnoj. Nun nur trafikas unu sola trajno, kiu bezonas ekzakte 13 horojn kaj 40 minutojn.
En rapida trajno la veturado al Hamburgo daŭris 4 horojn, hodiaŭ per simila trajno 5 horojn kaj 32 minutojn.

Preskaŭ duobliĝis la veturtempo inter Berlino kaj Dresden, iam 2 horoj kaj 26 minutoj, nuntempe ĉirkaŭ 4 horoj.
Ekstr. trad. el „Der Deutsche Bundesbahnbeamte" n-ro 18/57 - ĉas -

## LA FABRIKO DE FOTO-PRODUKTOJ „GEVAERT" EN MORTSEL (BELGIO) APLIKAS ESPERANTON

Pro la sukceso de artikolo en diversaj esperantlingvaj gazetoj pri la foto-produktoj de la Firmao „Gevaert", ĝi decidis eldoni du presaĵojn en Esperanto favore al la esperantistaj fotografemuloj.
Laŭ nia peto la partoprenontoj al nia jubilea kongreso en Aarhus verŝajne trovos ilin inter la kongresdokumentoj.
Krom tio la Firmao GEVAERT preparas sonfilmon pri la fotografia industrio kun komentoj en Esperanto. La filmo tre verŝajne estos montrata dum la Universala kongreso en Mainz. Ni dankas la Firmaon pro la iniciato, kio certe kontribuos al pli rapida disvastigado de nia internacia lingvo.

## LA PLEJ GRANDA PENDPONTO EN LA MONDO

La grandurbo Nov Jorko volas konstrui la plej grandan pendponton de la mondo, 1340 metrojn longa kun 12 veturstratoj, svebanta 82 m. super la akvonivelo.
La nova gigantponto estu similanta konstrumaniere al la famkonata pendponto super Golden Gate en San Francisco. Sed ĝi estos pli longa, pli alta kaj multe pli kosta! Kompare kun la Golden Gate ponto, kiu estis enaŭgurata 1937 kaj kostis 77 milionojn da dolaroj, la nova Richmondponto kostos la netan sumon 250 milionojn da dolaroj.
Estas kompreneble, ke la amerikanoj investas tiun gigantan kapitalon nur pro neceso. Same kiel en San Francisco disigas la maro la urbkvartalojn de la interna urbo. Kvankam oni en Nov Jorko havas du tunelojn norden de la statuo „Liberta" (la Diino de la libero) sub la Hudson rivero. Sed jam antaŭ longa tempo tiuj tuneloj ne kapablas absorbi la konstante kreskiĝantan trafikon.
De la antaŭurboj: Tottenville, Rossville, Eltingville kaj aliaj kelkmiloj da homoj devas veturi ĉiumatene kaj vespere laŭ longaj kromvojoj al kaj de sia laboro en la grandurbo. Oni kalkulis, ke tio kostas ½ miliono da perditaj laborhoroj ĉiutage.
La giganta pezo de la ponto estu portata de du nubskrabantaj turoj 230 m. altaj. La nura ankrado de tiuj portturoj estas granda problemo. Sur ambaŭ flankoj de la rivero oni faros truojn en la granito tiom grandaj, ke 40 m. altaj domblokoj povas malaperi en tiujn, kaj en tiuj truoj oni fandas la betonfundamentojn.
De la turoj pendas kablegoj, 90 cm. dikaj, 20 cm. pli dikaj ol la kabloj sur la Golden Gate ponto. Tia kablo konsistas de multmiloj da unuopaj kabloj en arta plektaĵo... entute temas pri 200.000 kilometrojn da fingrodika drato, kiu povas atingi 5 oble la distancon ĉirkaŭ ekvatoro. Ne estas eble transporti la pretplektitajn kablojn al la ponto — ili estu kunigataj je la loko. Sed kiel oni kapablos streĉkunigi tiujn 100,000 tunojn pezajn kablojn super la Hudson riveron — tio ja vere postulas teknikan genion!
Kaj krom la pezon de la 1340 m. longa, svebanta ponto la turoj devas porti ankaŭ la milojn da veturiloj el ĉiuj specoj sur la 12 veturstratoj. Ponto de tia formato kompreneble havos propran fajrobrigadon, policon, savservon k.t.p. Jen oni povas diri, ke estos teknika farado eĉ pli giganta ol tiuj de la piramidoj kaj la ĉina muro. V. J. B., tradukis Jico.



## NOVAJ LIBROJ

**Nur unu, sed . . .**

*Vulp' al leono diris kun moktrido:*
*„Al vi naskiĝas nur po unu ido."*
*Respondis tiu en fiera ton':*
*„Nur unu, sed leon'!"*

**EZOPA SAĜO** entenas 77 fablojn, multe pli ampleksajn, verse reverkitajn de K. Kalocsay, la fama hungara majstro de la poezio. Abunde oni povas ĉerpadi delikatajn ĝuojn el tiu ĉi trezorejo de humuro kaj proverbeca sarkasmo. 29 satiraj vinjetoj de B. Hamberg agrable ornamas ĉi tiun 127 paĝan verkon, kiu ne devas manki en la esperantista libroŝranko. La prezo de la belaspekta libreto estas 1,30 dolaroj. Eldonis ĝin la eldonejo KOKO, Randbolvej 4, Kopenhago.

**AMARO PANO,** romano de Joszef Darfas, kiu priskribas la pli ol mizeran vivon de la kamparanaj servistoj el la hungaraj vilaĝoj, tuj antaŭ la dua mondmilito. Senespera estis la vivo de tiuj laborsklavoj, al kiuj minacis la vipo de la mastro, de Epifanio ĝis Silvestro... Tiam, kun la kesto surdorse, ili iras hejmen laŭ la kotaj vojoj, vizitas drinkejojn kaj bordelon, ĉar tio estas ja kutimo kaj la nura distro en la griza ekzistado. Sed baldaŭ mankas pajlo por hejtado, tritiko por pano, kaj ili devos nepre dungiĝi denove. Tiel ĉio rekomenciĝos, ĉiam denove... de Epifanio ĝis Silvestro... de Epifanio ĝis Silvestro, tiom longe kiom la manoj kaj la piedoj eltenos. Kaj poste...?
La tradukon, de Ladislao Somlai, kontrolis la Literatura Komitato de SAT. La prezo de la 111 paĝa verko estas 1 dolaro. Eldonis ĝin la libroservo de Dana Laborista Esperanto Asocio, Thorvaldsensgade 1, Aarhus.

Ĵus aperis, **ANGLA ANTOLOGIO,** la unua parto de la planita Brita Antologio kiu konsistos el tri volumoj.
Ĉi tiu unua, pli ol 300 paĝa volumo enhavas la plej belajn pecojn de la Angla poezio kaj prozo, aperintajn en la jaroj 1000—1800. Eventuala apero de la du aliaj volumoj dependas unuavice de la akcepto kiujn la esperantistoj donas al ĉi tiu unua volumo.
Tiuj volumoj estos: Angla Antologio 1800—1950; Skota Antologio 1000—1950.
Pli ol dek eminentaj esperantistoj partoprenis en la prilaborado de ĉi tiu ampleksa unua parto, kiun eldonis UEA. Redaktoro por la 180 paĝa poezia parto estas William Auld; la 120 paĝa proza parto aperis sub redakto de Reto Rossetti. Prezo: 10 ned. guld.; 40 steloj; £ 1,— plus sendkostoj.

**EL POPOLA ĈINIO** reaperas kun nova freŝa forto kaj nova karaktero. Ĝi estas eldonata nun ne plu de la Fremdlingva Eldonejo, sed de la ligo mem. Ĝi estas dumonata kun formato de 26 x 19 cm, havanta 36 paĝojn ĉiunumere kun kolora kovrilo. La abonprezo estas 6 respondkuponoj por tuta jareldono. Specimenon oni petu al: Ĉina Esperanto-Ligo P.O. Kesto 77, Peking, Ĉinio.

---

**DANKESPRIMO**

Ĵus reveninte hejmen post plursemajna restado en malsanulejo, mi esprimas sinceran dankon al ĉiuj amikoj kiuj sendis al mi siajn simpati-esprimojn kaj al la IFEF-estraro, kiu en la nomo de nia anaro sendis belajn florojn okaze de mia reveno hejmen.
Iom da pacienco mi petas al la multaj amikoj kiuj sendis artikolon por Bulteno.
La malsano tiom surprize atakis min ke iom da malordo en la rutina irado de la aferoj estis neevitebla.
Mi havas bonan esperon revidi vin ĉiujn en nia 10-a kongreso, kie mi buŝe raportos pri nia organo. Ĝis revido en Aarhus. La redaktoro.